# Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

En landoj:

Angla: F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield.

Aŭstra: Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72487.

Belga: Prof. Paul Bouts, école norm. cath., Eirlemont. Poŝtĉekk. 118656 Thienen.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin.

Ĉila: E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago.

Estona: Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

En landoj:

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Novosadska 7, Pirot.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte. Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90544.

Norvega: Nils Okland, Rommesveit. Stord.

Pola: K. Majorkiewicz, Ludolf Königsweg 6, Danzig.

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6. Stockholm, poŝtĝiro 50304.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo.

Urugvaja: Pedro Casas, San José 1123, Montevideo.

U. S. A.-a: David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor.

## Atentu!

**Unueca abonprezo por ĉiuj negermanaj abonantoj estu 1 USA-dolaro aŭ egalvalora valuto!**

---

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 1163, poŝtĉekkonto: Dresden 15609.



---

**Kolegoj helpu!**

Por komparstatistiko sendu p r e z a r o j n d e i n s t r u a j h e l p i l o j (aparatoj ktp.) por lernejoj de via lando. Mi faros simile.

S-ro V. Svatek, instr.,
Luže-Koŝumberk 75, Ĉeĥio, Ĉ. S. R.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

10-a jaro. Numero 1
Januaro 1931

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 263 79
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



## Karaj gekolegoj, legu nepre atente la sekvantan artikolon!

### Helpu al ni!

Tio, kion mi volas diri al vi, mi devas diri por helpi la administracion de TAGE kaj la redakcion de IPR. Ili ambaŭ laboris kaj laboras tre diligente kaj celkonscie. Nia „Laborkomisiono por TAGE" kun sincera danko konstatas tion ĉiam denove.

Sed ili kaj ni en nia laborkomisiono eraris: ni estis tro optimistaj. Ni esperis je baldaŭa kaj regula kreskado de la TAGE-anaro kaj IPR-abonantaro. Ni bazigis nian financan programon sur espero, kiu ne plenumiĝis. Pro tio ni nun staras fine de 1930 antaŭ deficito. Ĝi estas facile klarigebla: ĉiu TAGE-ano ĝis nun pagis kotizon de 3 germanaj markoj. Sed la administracio fakte (pro diversaj negocaj kaŭzoj) enspezis nur 2,70 germanajn markojn por ĉiu membro. Presado kaj forsendo de la gazeto kostis, kalkulite por ĉiu membro-abonanto, dum la lasta jaro 3,70 germanajn markojn. Do, la administracio kvazaŭ liveris varon al vi pli malmultekoste, ol ĝi mem aĉetis ĝin. Netolerebla situacio. Sed ĝi tuj ŝanĝiĝos, se la nombro de la TAGE-anoj kreskos je kelkaj centoj! Tiam ni facile povos ŝpari je la prezo por la presado.

Ĉu ne estus eble, atingi pli bonan staton?

Pripensu: en la mondo ni per nia statistiko jam konstatis 6 300 esperantistajn geinstruistojn en 61 landoj (certe ekzistas ankoraŭ pli multaj), sed estas organizitaj en TAGE kaj abonis nian gazeton nur 800 gekolegoj el 37 landoj.

Helpu ŝanĝi la nunan situacion! Varbu! Varbu por ni senĉese en la rondoj de viaj kolegoj! Vi povos fari tion, se vi volos.

Se vi ne faros tion, ne restos alia vojo por nia administracio, ol:

aŭ aperigi la gazeton pli malofte;
aŭ eldoni ĝin malpli multpaĝa;
aŭ ŝanĝi ĝian tutan aspekton;
aŭ postuli multe pli altan kotizon.

Kaj por la redakcio restos neniu alia vojo, ol forlasi la laborprogramon de nia lerta redaktoro kaj malaltigi la gazetan nivelon. Sed la redaktoro jam deklaris, ke li tiam devos rezigni, pro sia scienca reputacio kaj la reputacio de la tuta kolegaro, al sia posteno.

Mi estas certa, ke neniu el vi konsentos tiajn planojn. Ni povas esti fieraj pri nia enhavriĉa kaj belaspekta gazeto. Ni devas fari ĉion, por ke ĝi reprezentu antaŭ la mondo nian esperantistan gekolegaron laŭdece.

En la lasta momento, jam preskaŭ malesperante pri nia deficito de 1930 kaj pri la antaŭvidata deficito de 1931, ni tamen decidis en nia „Laborkomisiono por TAGE", lasi por la du venontaj monatoj ĉion en la ĝisnuna ordo kaj direkti al vi, karaj gekolegoj, kvazaŭ lastan „SOS"-alvokon.

Helpu al ni! Renkontante esperantistan kolegon, demandu lin, ĉu li jam estas TAGE-ano kaj abonanto de IPR. Devigu lin aliĝi al ni. Devigu lin, ne nur promesi la aliĝon, sed aliĝi tuj. Petu tujan pagon kaj sendu lian kotizon, kiu estas por la venonta jaro 1 usona dolaro. Kaj sendu m e m vian kotizon, se vi ĝis nun ne pagis ĝin por 1930. (Ni havas multajn restantojn!) Sendu vian kotizon por 1931 kiel eble plej baldaŭ! Eble ankaŭ kelkaj el nia rondo libervole plialtigos sian kotizon, por forigi la deficiton. La vorto „deficito" (kiu estas ne nur financa ŝarĝo por la organizacio, sed ankaŭ anima kaj morala ŝarĝo por administracio kaj redakcio) ne plu aperu en nia budĝeto.

Mia peto pri aliĝo al TAGE estas direktata precipe al la negermanaj gekolegoj, ĉar la nombra proporcio inter ili kaj la germanaj gekolegoj tute ne respegulas la faktan staton de nia Esperanto-movado inter la geinstruistoj tutmondaj.

La espero de la tuta esperantista mondo nuntempe estas direktata al la geinstruistaro. La geinstruistaro laŭ sia nomo devas labori instrue kaj modele por la tuta mondo.

Helpu energie al nia administracio kaj al nia redakcio!

D-ro Dietterle,
prezidanto de „Laborkomisiono por TAGE".

Ŝ a n ĝ o e n l a a d m i n i s t r e j o estas necesa pro la elekto de la nuna administranto kiel prezidanto de la Esperanto-Unuiĝo de la Saksa Instruistaro. La nova administranto estas:

s-ro Kurt Hofmann, Felgenhauerstr. 63, R i e s a , poŝtĉekkt. Dresden 263 79, Germanlando.

Nova kasisto por la Saksaj membroj estas:

s-ro Karl Ritter, R i e s a , Steinstrasse 13,
ĝiro Riesa 1163, poŝtĉekkonto Dresden 156 09.

La eksadministranto dankas siajn kunhelpantojn en la forsendejoj (s-ro Michael kaj s-ro Spange, ambaŭ en Leipzig, kaj s-ro Holzhausen, Riesa)

same kiel la eksterlandajn helpantojn, kiuj kiel agentoj helpis al la administranto kaj esperas, ke ili ankaŭ estu fidelaj kunlaborantoj ĉe la flanko de la nova administranto, al kiu la eksadministranto deziras multan sukceson por lia laboro! Karl Kröber, Riesa.

---

# Voĉoj de l' homaro.

### Homo en milito.

„Ni fariĝis danĝeraj bestoj. Ni ne batalas, ni defendas nin de la pereo. Ni ĵetegas la grenadojn ne kontraŭ homoj — kion ni momente scias pri tio? — jen per manoj kaj kaskoj nin ĉasas la morto, de post tri tagoj la unuan fojon ni povas rigardi en ĝian vizaĝon, de post tri tagoj la unuan fojon ni povas nin defendi kontraŭ li, ni sentas frenezan koleregon, ni ne kuŝas plu senpove atendante sur la eŝafodo, ni povas detrui kaj mortigi por nin savi, por nin savi kaj venĝi.

Ni ekkaŭras post ĉiu angulo, post ĉiu pikdrataĵo kaj ĵetas, forglitonte, antaŭ la piedojn de l' venontoj faskojn da eksplodoj. La krakado de l' mangrenadoj efikas fortikige je niaj brakoj, niaj kruroj, fleksiĝinte kiel katoj ni kuras, inundite de tiu ĉi ondo, kiu nin portas, kiu nin faras kruelaj, vojrabistoj, murdistoj, eĉ diabloj, — de tiu ondo, kiu multobligas nian forton en angoro kaj kolerego kaj vivavido, kiu serĉas kaj konkeras nian savon. Se venus via patro kun la atakantoj*) vi ne hezitus, ĵeti la grenadon kontraŭ lia brusto!"

El la esperantigita verko „En okcidento nenio nova" de Erich Maria Remarque. Köln a. Rh. 1930, Heroldo de Esperanto, pĝ. 100.

*) Anstataŭ „la atakantoj" tekstas originale „tiuj transe".

---

# Raporto*) pri instrueksperimento en la „Girl's County School" en Bishop Auckland, Anglujo.

Fraŭlino D-ro Alexander Fisher, estrino de la graflanda lernejo por knabinoj („Girl's County School") en la graflando Durham, havas lernantinojn, kiuj preparas sin al certa ekzameno, kiu ebligu al ili la vojon al venonta ofico. Ili vizitas la lernejon ne pro plezuro; oni postulas, ke ili je la fino de la lerneja tempo scipovu fremdan lingvon. La estrino faris la sperton, ke ŝiaj anglaj lernantinoj ne sukcesis, lerni la germanan aŭ francan lingvon en du ĝis tri jaroj. Kio povas esti la kaŭzo? demandis sin la estrino. — La kaŭzo estas, oni respondis al ŝi, ke la franca kaj germana lingvoj estas

*) Mi ricevis ĉi tiun raporton el la „Institut des Sciences de l' Education" en Genève kaj tradukis ĝin por la legantoj de nia IPR, ĉar ĝi certe estas interesa por ili.

lingvoj, kiuj havas tre malfacilan gramatikon. La angloj havas lingvon, kies gramatiko estas tiel simpla, ke oni preskaŭ ne scias, kiamaniere oni instruu ĝin. Pro tio ili havas grandajn malfacilaĵojn, kiam ili subite staras antaŭ la komplika gramatiko de la germana aŭ de la franca lingvo.

Oni konsilis al la estrino, ke ŝi donu al la lernantinoj, kiuj devas lerni la francan aŭ la germanan, antaŭ ĉio kaj kiel antaŭpreparon, lecionojn pri la angla gramatiko. Sed ĉi tiuj lecionoj prezentis diversajn malfacilaĵojn. En la angla lingvo preskaŭ ĉiu vorto povas esti uzata kaj kiel substantivo kaj kiel verbo. Oni ja povas, por plifaciligi la instruon, uzi konatan ruzaĵon: oni skribas ekzemple ĉiujn substantivojn sur bluaj paperetoj, la verbojn sur ruĝaj, la adverbojn sur flavaj, por enmemorigi al la lernantoj, ke verbo havas alian koloron, ol substantivo aŭ adverbo.

Ĉi tiu metodo ne sufiĉis en Bishop Auckland. Tute hazarde ĝuste je tiu tempo, oni rekomendis al la lernejo libervolan Esperanto-kurson. Iu lerneja konsilanto diris al la estrino: „Vi havas bonegan okazon, fari eksperimenton: zorgu por ke vi havu la permeson, instrui Esperanton kiel fremdan lingvon en la unua klaso. Vi poste vidos, ĉu eble ne ĝuste la simplaj gramatikaj elementoj de Esperanto fariĝos por viaj junaj lernantinoj la ŝlosilo por la gramatikaj malfacilaĵoj kaj subtilaĵoj de aliaj fremdlingvoj."

Oni agis laŭ tio. Oni enkondukis Esperanton. Ne kiel celon, sed nur kiel provon rilate ilon por la posta lernado de naciaj lingvoj. Ĉi tiu eksperimento okazis helpe de la lerneja inspektoro por superaj lernejoj, kaj la „Board of Education" (lerneja ministerio) ne nur konsentis la eksperimenton, sed ankaŭ disponis certan sumon por kovri la kostojn, kaj ĝi mem fiksis la kondiĉojn por la eksperimento. Ĝi postulis, ke la Esperanto-instruo estu farata per diplomita lingvo-instruisto, kiu samtempe prenu sur sin la kutiman instruon de la angla aŭ franca lingvo en la paralelaj klasoj. Malgraŭ anoncoj en gazetoj, tiam la estrino ne sukcesis, trovi instruiston, kiu kapablis instrui samtempe Esperanton kaj francan aŭ anglan lingvon.

Ŝi helpis sin mem, simple dirante al unu el ŝiaj instruistinoj por la franca lingvo: „lernu Esperanton, post ses monatoj ni komencos la eksperimenton." La instruistino konsentis, kaj oni faris la eksperimenton. Ŝi instruis Esperanton en unu klaso kaj la francan lingvon en paralela klaso. Dum la sekvanta jaro ŝi instruis la francan lingvon en ambaŭ klasoj. Fine de ĉi tiu dua jaro oni kunigis ĉiujn lernantinojn kaj konstatis, ke la lernantinoj, kiuj havis dum unu jaro lecionojn en Esperanto kaj dum unu jaro en franca lingvo, estis multe pli superaj al la lernantinoj, kiuj lernis dum du jaroj la francan lingvon, nepreparitajn per Esperanto.

Ĉi tiun unuan eksperimenton, kiu komenciĝis en la jaro 1919, sekvis kelkaj aliaj, kiuj konstatis la rezulton de la unua eksperimento. Kiel preparon, kaj por la germana kaj por la franca lingvo, grupo de lernantinoj ricevis dum duonjaro Esperanto-lecionojn, dum kiam la aliaj tuj komencis lernante la germanan kaj francan lingvojn. En ambaŭ lingvoj la lernantinoj, kiuj lernis Esperanton dum la unua duonjaro kaj la nacian lingvon en la dua duonjaro, pli bone sukcesis, ol tiuj, kiuj dum tuta jaro lernis la germanan aŭ la francan lingvon. La lernantinoj de la unua grupo multe pli rapide lernis la ĉefajn elementojn, progresis pli rapide kaj estis pli certaj.

Ankaŭ por la studado de la latina lingvo la antaŭprepara studado de Esperanto montriĝis sukcesiga. Dum la jaro 1922 oni faris jenan sperton: en

unu klaso kun 20 lernantinoj, kiuj lernis dum unu jaro Esperanton kaj dum unu jaro la germanan aŭ la francan lingvon kaj kun 13 lernantinoj, kiuj dum du jaroj lernis la francan aŭ germanan lingvon, oni aranĝis post duonjaro ekzamenon, en kiu oni adiciis la notojn en la latina kaj la aliaj fremdlingvoj. La plej lerta lernantino estis esperantistino, kaj inter la 16 plej lertaj estis 14 esperantistinoj.

La estrino treege zorgis, por ke la lernantinoj ne perdu tempon per studado de necerta valoro. Pro tio ŝi detale kaj ĉiam denove esploris, en kiu grado la studado de Esperanto prezentis por la lernantinoj avantaĝon aŭ malavantaĝon. Nun sur la bazo de la rezultoj de diversaj eksperimentoj ŝi konvinkiĝis, ke la lernado de Esperanto ne prezentas al la lernantinoj malavantaĝojn, sed nur avantaĝojn, kaj ke estas tre profitdona, uzi la unuajn ses monatojn por Esperanto.

La inspektoroj por modernaj lingvoj tie ricevis la impreson, ke la simpla gramatiko de Esperanto estas por malpli talentitaj lernantoj, starantaj antaŭ nevenkeblaj malfacilaĵoj, kvazaŭ ponto, kiu ebligas al ili la transiron al la germana kaj franca gramatikoj.

Oni observis, ke la avantaĝojn, kiujn prezentas la antaŭprepara studado de Esperanto, montriĝas ĉefe en la komenco de la studado de nacia lingvo. Iom post iom ili malaperas, kiam la koncerna lingvo prezentas pli grandajn malfacilaĵojn, t. e. kiam por ĝin lerni oni ne bezonas logikan pensadon, sed gravan streĉadon de la memoro kaj turmentojn. Kaj evidentiĝis, ke la lernantinoj, netalentitaj por lingvo-studado, tute ne povas lerni tian fremdlingvon. Do ekestas la demando, ĉu ne estus en tiaj kazoj pli konsilinde, lasi la lernantinojn ĉe Esperanto, kiun ili povas lerni ĝis sufiĉa grado, anstataŭ ilin turmenti per nelogikaj lingvoj, kiujn ili posedos neniam.

La lernantinoj mem deklaras, ke Esperanto estis por ili tre taŭga, ne nur por lerni la gramatikon, sed ankaŭ por havigi al si „vortojn“, kaj ke ili lernis per Esperanto eviti laŭvortajn tradukojn kaj anglicismojn. Krom tio la lernantinoj tre ŝatis la instruon. La arto, analizi vortojn kaj formi vortojn, kiu ludas gravan rolon dum la studado de la Esperanto-vorttrezoro, estis tre bone adaptita al iliaj kapablecoj. Ili povis fari bonajn progresojn sen fremda helpo kaj tiel kapablis ĝui la ĝojon de intelekta sukceso — ĝojon, kiu ĉie estas sentata de infanoj tre profunde.

Somero 1930 f-ino D-ro Fisher skribas: „Ĉiuj lernantinoj, kiuj nun en nia lernejo devas lerni la germanan aŭ francan lingvon, partoprenas Esperanto-kurson, antaŭ ol ili komencas la studadon de aliaj fremdlingvoj. Mi taksas la valoron de Esperanto jenmaniere:

Kiel ilon:

a) por klarigi la sencon de *gramatikaj* esprimoj;
b) por enmemorigi al la infanoj la grandan signifon de *finaĵoj*;
c) por enkonduki la infanojn en la ideon de l' parenceco inter vortoj, vortformado kaj vortderivado;
ĉ) por pliampleksigi la vorttrezoron.

Eble oni miros pri ĉi tiu rezulto. Sed ne okazis la unuan fojon, ke la historio pedagogia montras al ni, ke oni pli rapide atingas la celon, kiam oni iras nerektan vojon. S-ino Montessori ekz. atingas pli bonajn rezultojn, kiam ŝi instruas la skribadon, se ŝi komence igas la infanojn desegni diverskolor-

ajn figurojn, antaŭ ol ŝi instruas ilin skribi leterojn. Ankaŭ ritma gimnastiko povas esti bonega ekzercado por komponado kaj uzado de muzikinstrumento.

Estas evidente, ke oni dum lingvo-instruado havas la eblecon, forigi malfacilaĵojn per nerekta vojo tra Esperanto. Ne estas necese ke la infano tuj lernu malfacilan gramatikon; la kvalito de vorto ne estas vualata artifike; la **a**, **e**, **o** kiel finaĵoj tre bone anstataŭas la kolorajn paperetojn; ne estas necese komence jam batali kun esceptoj.

Ĉi tiu sperto estas tiel interesa, ke valorus la penon, ripeti ĝin en aliaj lernejoj kaj landoj. Martha Moelke.

---

## Eduko kaj „Pedaĵo".

**Unua letero.*)**

Kara kolegino, kara kolego!

1) Ni nomas gekolegoj nin; ĉar ni havas saman profesion. Kiu nomo estas la ĝusta por nia profesio? Mi konfesas, ke mi ne scias la ĝustan nomon. Tia fakto estas stranga. Ĉu ni ne scias, kion ni faras tagon post tago? Kiel niaj gekolegoj en Esperantujo nomas sin? Jen: instruist(in)o, edukist(in)o, klerigist(in)o, eduklaboristo, klериglaboristo, pedagogo.

2) Tiuj nomoj portas longan historion kun si. Rigardu Esperanto-vorton laŭ ĝia deveno lingva kaj ĝia rolo historia! La formo latina de la verbo „instrui" estas kunmetita el „in" kaj „stru-". Ankaŭ la verbo „konstrui" enhavas la radikon latinan „stru-". Oni pensas: Kiel domon konstruas masonistoj kaj ĉarpentistoj, tiel la spiriton „kon**stru**as" in**stru**istoj.

3) Kion konstruis masonistoj kaj ĉarpentistoj, tion aliaj povas de**tru**i (latine: „destruere = esperantlingve: malkonstrui). Ĉu ankaŭ manoj povas detrui, kion ni vere instruis? Nur grava malsano kaj ekstrema mizerego danĝerigas la formon spiritan de bone instruita homo. — Laŭ la lingva deveno la vorto „instruisto" estus bona nomo por la senco de nia ĉeftasko.

4) Sed la vorto „instrui" ne portas tiun plenan sencon en la kutima lingvo. Ĉiam oni demandas ankoraŭ objekton instruatan. Unu instruas gramatikon, alia instruas dancon. La verbo instrui bezonas kompletigon. Tial ne ĉia instruisto estas nia kolego. Instruado en pedagogia senco havas nuntempe certan celon, kiu ne dependas de objektoj instruataj. Tiun sencon majstro Herbart esprimis per la termino „edukanta instruado". Multaj gekolegoj serĉas la sencon de sia agado en edukado. Ĉu ankaŭ vi konsentas la nomon „edukisto" por nia profesio?

Mi salutas kore vin.

Via

Kurt Riedel.

*) Por novaj adeptoj mi volas pritrakti en kelkaj leteroj sciencajn pensojn en simplega formo. — R.

## Korpekzercoj kiel lerneja fako.

De Elin Falk. Tradukis S. Engholm, Svedujo.

(Daŭrigo kaj fino.)

La lernantoj en la elementaj kaj mezaj lernejoj ankaŭ bezonas, kiel aludite, praktikan aplikadon de tio, kion ili lernas dum la korpekzercaj lecionoj. Alie tiuj ne kontraŭagas sufiĉe la ĉiutagajn malbonajn mov- kaj tenigmanierojn de la lernantoj. La lernantoj nome ne povas ĝenerale en la praktika vivo apliki la ekonomian labormanieron, kiun ili lernis dum la korpekzercoj, se oni ne rememorigas ilin pri tio kaj helpas ilin. Riĉajn eblojn por tiu aplikado donas la ordinara korplaboro, kiun la lernantoj faras kune kun la korpekzercoj: kiam ili ordigas la materialon, desegnas limojn sur la sportejo, alivestas sin ktp. Tiam la gvidanto devas interveni kaj korekti, kiam ili estas tre streĉitaj, mallertaj aŭ kurbaj. Sed kiel dirite ankaŭ la ceteraj instruistoj devas koni ĝeneralan labor- kaj ripozteknikon, tiel ke ili dum siaj lecionoj povas kontroli kaj eventuale korekti la lernantojn; i. a. instrui ilin ofte ŝanĝi poziciojn, ekz. stari jen sur ambaŭ piedoj, jen pli sur unu, jen sidi ambaŭflanke sur la postaĵo, jen pli sur unu flanko ktp., jen rektiĝi en bona libera teniĝo, jen por kelkaj momentoj sidi plenripoze. Oni ekzercu ilin ekz. teni la plumon per plej malmulte da necesa forto, kaj fari ĉiujn labormovojn tiom malgrandaj, ke ili ĝuste sufiĉas por la celo, fari kiel eble plej multajn labormovojn ritme ktp. Certe ĉiu instruisto, kiu uzas tiun helpinstruadon, trovos, ke ĝi tre faciligas lian propran instruadon, ĉar ĝi plibonigas la laborkapablon de la lernantoj.

(Parenteze mi volas diri, ke tiu praktika aplikado de la lernantoj povus pli bone efektiviĝi, kaj ankaŭ ilia cetera praktike-higiena edukado povus plialtiĝi, se ili pli ol nun dum parto de la somerferioj anstataŭ „fari nenion" kaj perdi la laboremon, estus okupataj per korpekzercoj en libera aero, precipe ekskursoj, naĝado kaj tenda vivo, kune kun simpla manĝaĵpreparado, vestflikado, fabrikado de ekzercvestoj kaj sportiloj, ĝarden- kaj aliaj agrikulturaj laboroj, unua helpo je akcidentoj aŭ s. Precipe gvidantoj de lernejaj sportkabanoj, gvidantoj de libertempaj kaj ĝardenaj kolonioj havas tie ĉi grandajn taskojn.)

Lernantoj kun altgrade malbona korpteniĝo krom la ordinaraj korpekzercoj bezonas specialan teniĝgimnastikon, se eble ĉiun duan labortagon. Dum tiu gimnastiko devas esti ekzercata ankaŭ bona korplabora tekniko.

*

La plej granda parto de la nomitaj por elementaj kaj mezaj lernejoj konvenaj korpekzercoj ĝenerale devas esti ekzercataj pli malpli miksite. Eĉ dum ski- aŭ glitumekskurso aŭ migrado oni konvene enmetas kelkajn spiraŭ teniĝkorektantajn ekzercojn, preskaŭ ĉiam estas bone doni iujn ripozekzercojn. Per tiu mikso oni distrigas la laboron de la lernantoj kaj malhelpas trolaciĝon.

Dum lecionoj sur sportejo aŭ en gimnastikejo tiu mikso devas esti precipe atentata. Tia leciono devas unualoke doni profundan kaj gajan vigligon. Se la lernantoj je la fino de la leciono ne estas gajaj, ŝvitaj aŭ

almenaŭ tre varmaj, ĝi estas plejparte senutila. La vivprocedoj, kiuj akompanas kaj akcelas iliajn rapidajn kreskon kaj evoluon, nome bezonas viglan substancŝanĝiĝon (= asimilo). Gaja vigliĝo ordinare venas per si mem al la lernantoj, kiam ili faras duonaŭtomatajn, nature ritmajn refreŝigekzercojn: rampadon, iradon kaj kuradon, dancon, viglajn pilkludojn ktp. — do, nur facilkompreneblajn kaj fantazivigligajn taskojn. La gaja laboremo, kiun kreas tiuj ekzercoj, ĝenerale restas ankaŭ dum la kompletigaj intermetaĵoj.

Dum la leciono la tuta korpo samtempe aŭ partoj de ĝi devas esti ekzercata en varia maniero: jen per rapidegaj, mezrapidaj kaj malrapidaj, jen per pli malpli longedaŭraj movformoj; ankaŭ ripozo devas kunesti. Dum eksterdoma leciono ekz. oni dividas la lernantojn en memstare laborantaj grupoj: unu grupo ekzercas kuradon kaj iradon, alia ĵetadon, tria saltadon, la kvara staras kaj iras surmane alterne kun iu speciala balancado kun laboro ĉefe por la gambmuskoloj. Post tempeto la grupoj ŝanĝas taskojn, ev. post mallonga ripozekzerco. Tiel oni kreas pli bone fundamentan kaj ampleksan moviĝ-, teniĝ- kaj ripozteknikon, kiu certe estas gravsignifa por ĉiuj diversaj labortaskoj kaj ripozebloj de la vivo.

*

Oni devas tiel praktiki la korpekzercojn, ke la korpaj forto, rapideco, rezisteco kaj atentemo, kiujn ili donas, fariĝas valoraĵo ankaŭ por ĉia mensa agado. La sperto de multaj diras, ke konvenaj korpekzercoj ankaŭ kunportas rezistecon ankaŭ por pensa laboro. La korpekzercoj ankaŭ donas al la lernantoj riĉajn eblojn por ekzerci sin esti trankvilaj, atentaj, helpemaj kaj sinoferaj, honestaj, amikaj, ĵustaj kaj ordamaj. Precipe la grupludoj povas evoluigi la plej bonajn sociinstinktojn de la lernantoj, instrui al ili respektplenan kunlaboron, respektplenan batalon. Ekzercoj, kiujn la lernantoj rigardas danĝeraj sed interesaj, kreskigas iliajn kuraĝon, ambicion, lukt- kaj konkursemon, pliigas ilian eltenon en volpovo kaj memagado, iliajn mematenton kaj memregadon. Ankaŭ ekzercoj, kiuj malpli plaĉas al la lernantoj, povas doni samecan rezulton, ekz. tiuj, kiuj postulas, ke ili venku korpan mallaboremon, timon por doloro, timidon, timon por mokoj ktp. Multaj ekzercoj helpas la lernantojn prijuĝi sian propran kapablon kaj subpremas ilian trokuraĝon. La korpa regado, kaj ne malplej la mola, bela moviĝmaniero, kiun ili povas lerni dum la ekzercoj, ne nur alkutimigas ilin al perceptado de nature plaĉaj kaj harmoniaj movoj, sed ĝi ankaŭ edukas ilin al mensa ĝentilo en la ĝenerala sinteno.

Sed — nur se la korpekzercoj estas gvidataj en la plej bona, mense akcentita direkto, ili helpas la psikan evoluon en la aludita maniero. La lernejaj korpekzercoj per si mem, same kiel multaj aliaj lernobjektoj kaj la tuta vivo en kaj ekster la lernejo, ebligas multmaniere la kreskon de malbonaj mensaj kvalitoj ĉe la lernantoj: envia kaj neregata kolero, egoismo, mallaboremo, fuŝemo kaj malhonesto ĉiuspeca. La malpaciĝoj ktp., kiuj ofte okazas dum aŭ rilate al la mondolimpiadoj kaj la samspecaj miniaturaj konkursoj sur la tuta tero, ankaŭ atestas pri tio.

En nia tempo kun ĝia troa emo por korpekzercaj konkursoj estas grave, ke la lernantoj ekkomprenas la danĝeron de trostreĉigo dum longedaŭra laboro en naĝado, skiado kaj glitumado, kurado, saltoj aŭ s., kiujn ili ŝatas ekzerci memstare, sed kiujn ili pro nekompreno praktikas tro persiste kaj sen konvenaj „interekzercoj“, antaŭaj kaj finaj ekzercoj. Oni devas

averti ilin kontraŭ ekz. longa naĝado, multaj subakviĝoj kaj subakva naĝo, kiuj treege lacigas la koron kaj la pulmojn, kaj averti ilin kontraŭ tuja kaj tro longa sunbano post tio. Ne malofte oni renkontas en Stokholmo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj malfortajn knabojn meze en „miniaturolimpiado“ — ili kuradas „laŭ Vide“ aŭ naĝas „laŭ Borg“ aŭ agas kiel mondmajstroj en aliaj branĉoj, ĝis ili estas tute senfortigitaj — ĉio en espero pri iama mondfamo! Dum la lernejaj ekzercoj la infanoj kaj junuloj devas lerni neniam s t a r i, s i d i a ŭ k u ŝ i senmove tuj post forta korpa streĉiĝo, sed almenaŭ iri ordinare, aŭ se ili estas tre lacaj, kuŝi surdorse kaj mole ruli sin de unu flanko al alia — ambaŭ ekzercoj unue rapide, poste pli malrapide. Plie, ke tiuj ekzercoj estas bonaj antaŭ viglaj korpekzercoj post ripozo aŭ tre facila laboro, kvankam oni tiam devas ekzerci ilin u n u e malrapide, p o s t e pli rapide.

La agado de la „stelportuloj“ bedaŭrinde kunportis la troan konkurskulton, kiu pli kaj pli eniĝas en infanajn kaj gejunulajn lernejojn. Kelkaj gvidantoj de lernejaj korpekzercoj estas sufiĉe hezitemaj koncerne tion. Konkursemo kaj ambicio estas naturaj kaj gravaj puŝiloj en la vivo; ĉiu bezonas kompari siajn mankojn kaj meritojn kun tiuj de aliaj por atingi plenan evoluon. Se oni saĝe uzas tiujn fortojn, ili estas bonaj helpiloj por lerneja instruado, inkl. por korpekzercoj. La plej multaj lernejoj nuntempe havas multajn konkursojn pojare en skrib- kaj legobjektoj. La plej dotitaj lernantoj sopiras superi la rekordon unu de la alia, ne nur rilate al atestoj de ĉiu kursfino, sed ankaŭ dum la multaj skribaj aŭ buŝaj provoj, kiujn la lernejo postulas kaj atestas. Tiuj provoj certe plenigas la malpli dotitajn lernantojn per sentoj de timo kaj malplivaloro. Eble tiaj provoj estas necesaj en tiu parto de la instruado — pri tio m i ne estas kompetenta paroli. Sed mi dubas, ĉu tia konkursmaniero estas necesa por lernejaj korpekzercoj — s e (n o t u b o n e !) t i u j e s t a s g v i d a t a j d e b o n a j i n s t r u i s t o j. Ĉar la ekzercoj estas tro intime kunligitaj kun la naturaj moviĝemo kaj gajemo de la lernantoj. Se korpekzercaj konkursoj estos aldonataj al la konkursoj en skrib- kaj legobjektoj, oni vere povas demandi kiel la lernantoj rezistu. En multaj lernejoj oni tamen jam nun faras provon por sportinsigno. Vere tiuj provoj ne estas tre postulaj per si mem. Sed ĉar la rezultoj de ĉiu „provanto“ estas notataj kaj baldaŭ bone konataj inter kamaradoj kaj aliaj, ĉiu ĝenerale faras sian ekstremon por fariĝi la plej bona en ĉiuj provoj. Tio f a r i ĝ a s maskita, ofte tro peniga konkurso — multfoje certe ne preparata per sufiĉa ekzercado. Krome la plej bonaj konkursantoj facile „grandiĝas“, la malpli bonaj malgajiĝas kaj fariĝas malpli emaj al korpekzercoj. Aldone multaj sportasocioj ekster la lernejo ofte invitas la lernantojn al konkursoj kun allogaj premioj. La plej bonaj en la lernejaj konkursoj komprenebIe anoncas sin kiel unuaj kaj tiamaniere ankoraŭ pli lacigas sin. Tiamaniere la sporto gajnas lokon en la lernejoj, kaj bonaj stelembrioj estas kaptataj de la sportasocioj, sed la lernantoj mem certe fartas malbone. Estus certe pli feliĉe, se la lernantoj en niaj infan- kaj gejunullernejoj kun ilia relative malmulte fortiĝinta nervsistemo, ne estus enagitataj en la streĉiĝon kaj konkursadon de la nuntempa vivo. La lernejo devas certe energie zorgi pri tio, ke iliaj korpoj, kaj precipe ilia nervsistemo, povu kreski en kiel eble plej granda trankvilo. La lernejaj korpekzercoj devus pli prefere esti gaja, refreŝiga kaj eduka ludo. Tiel ili certe helpus la lernantojn plenkreski kiel eble plej normale kaj donus al ili solidan fundamenton por la venonta vivbatalo.

Poste ĉiu povas mem decidi, ĉu li volas fariĝi rekordĉasanto aŭ eĉ sportisto aŭ nur uzi bone almezuritajn korpekzercojn kiel helpon por sia ordinara vivlaboro.

El tio ĉi certe montriĝas, ke oni devas solvi multajn kaj malfacilajn problemojn koncerne la lernejajn korpekzercojn. La plej grava tamen estas havigi bonajn instruistojn kaj sufiĉe multajn kaj bonarangâajn ekzercejojn.

---

## Pri ĉinuja lernejaro.

Fine de la jaro 1929 la ministro por publika instruado en la Nanking-registaro sciigis, ke en tuta Ĉinujo 43 600 000 infanoj sidas en popolaj lernejoj. Li anoncis la gigantan projekton, ke oni volas fondi 740 000 lernejojn kaj instali en ilj 1 230 000 geinstruistojn. La lastaj fidindaj nombroj — el la jaro 1923/24 — diras jenon pri la lernejaj aferoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Universitatoj kaj fakaj altlernejoj . . | 125 | 34 033 | 847 |
| Instruejoj por instruistoj . . . . . | 585 | 36 723 | 7 123 |
| Altaj lernejoj . . . . . . . . . | 547 | 100 136 | 3 249 |
| Teknikaj lernejoj . . . . . . . | 603 | 39 618 | 3 209 |
| Plialtrangaj popollernejoj . . . . | 10 236 | 547 297 | 35 182 |
| Simplaj popollernejoj . . . . . . | 167 076 | 5 445 815 | 365 560 |

Profesoro Tsen Tsonming el la ĉina nacia universitato elmontras en La Coopération Intellectuelle (n-ro de l' 15. 4. 1930), kiom grandaj estis la progresoj en la lernejaj aferoj depost la jaroj 1906, 1912, 1916. Sed de la jaro 1924 la evoluo estas tute ĉesigita — komprenebla sekvo de la ĉiama politika malordo, kiu malfortigas ankaŭ la financajn fortojn tiom, ke por la popolklerigo restas nek tempo nek intereso nek mono.

La „Nacia Konferenco por Eduko", kiu kunvenis 1930 en Nanking, faris planon, kiel la 80% da analfabetuloj inter la plenkreskuloj en Ĉinujo estas forigendaj. En la armeo, en kaptitejoj, fabrikoj kaj komercaj firmoj: ĉie oni intencas aranĝi klasojn por lego- kaj skriblerno. Helpe de 132 000 instruistoj, instruantaj en 116 000 lernlokoj, oni esperas, dum ses jaroj forigi la plej urĝan malsufiĉon. Por tio estas necesaj 283 400 000 dolaroj.

La 1-an de Julio 1930 la centra registaro dekretis, ke ĝis fino de 1935 ĉiu ĉino devas pruvelmontri, ke li scias legi certan legolibron. Post tiu dato al registaraj kaj aliaj oficejoj, al komercejoj kaj fabrikoj estos malpermesite, okupi personon pli ol 18 jarojn aĝan, kiu ne povas legi kaj skribi.

Tradukis el Leipziga Instruista Gazeto:
Paul Bennemann.

---

## Krakova Universitato oficialigis lektoron de Esperanto.

Grava paŝo estas farita de Universitato Jagellona. De nun ni havas lektoron de nia lingvo oficiale nomitan de Universitata Estraro. Unua lektoro estas de ni ĉiuj bone konata, juna samideano Tadeusz Hodakowski, kiu jam kelkajn jarojn kunlaboras ĉe la redakcio de Pola Esperantisto, estas ŝatata kurs-

gvidanto kaj gimnazia profesoro de pola lingvo en la Oka Knaba Gimnazio. Mi ne parolos pri personaj kvalitoj de nia novnomita lektoro, ĉar ĉiuj, kiuj lin konas, bone tion scias. Li estas vere inda iĝi ano de Lingva Komitato — tio estas la demando de mallonga tempo.

Ni longe atendis la tempon, kiam fine Esperanto, vera Mondlingvo okupos ĝustan lokon ĉe Krakova universitato. Jam estis de longe faritaj penadoj por atingi tiun celon.

Nun la fama lernejo de Nikolao Kopernik, unu el plej maljunaj altlernejoj de Eŭropo, Krakova Jagellona Universitato, inter siaj kunlaborantoj posedas lektoron de Esperanto.

La patrujo de nia Majstro, kiu longe hezitis ne decidante ĉu fakte la genia eltrovaĵo estas fina solvo de la plej komplika lingva afero, kiu dum jarcentoj okupis grandajn homajn korojn kaj pensojn, nun kredas je sia filo Zamenhof. Ofte, tre ofte ni sammaniere hezitas pri multaj faritaj eltrovoj. Ni ne kredas ĝis fine iu el alia lando konstatas tion. Kiom da grandaj eltrovoj pereis nur pro tio, ke al eltrovinto ne povis trovi en sia patrujo indan aprobon kaj subtenon!

Depost nuna momento ni povas esti certaj, ke la afero de mondlingvo iros ĉe ni rektan vojon.

El „Pola Esperantisto“, 1930, n-ro 11.

---

# Recenzoj.

**„General Language Course“**

by Helen S. Eaton.

Sub ĉi tiu titolo aperis en la eldonejo „The Botolph Printing Works“, London, du tute apartaj lernolibroj, kiujn Helen S. Eaton verkis laŭ komisio de IALA. Ĉar la aŭtorino ne diferencigis ilin per ciferoj aŭ alia ekstera signo, mi diferencigas ilin per „N-ro I“ kaj „N-ro II“.

N-ro I enhavas la Esperanto-tradukon de l' rakonto de Margaret Loring Thomas „George Washington Lincoln goes around the World“. Ĝi estas libro, kiu volas instrui la Esperanto-lingvon, sed ĝia ĉefa celo estas, kiel ja montras la titolo, doni al la lernanto bazon por posta ĝenerala lingvo-studado. Esperanto estas uzata, ĉar ĉi tiu lingvo taŭgas por objektiva pritrakto de la diversaj lingvoj. Ĝi enhavas 57 lecionojn, kiuj liveru sufiĉan materialon por la tempo de unu jaro por lernantoj de la 7-a aŭ 8-a lernojaro en lernejoj, en kiuj fremdaj lingvoj estas instruataj. La lecionoj 1—20 enkondukas en la gramatikon de Esperanto kaj instruas la plej uzatajn afiksojn kaj la ĉefajn regulojn de vortfarado. Ili estas verkitaj laŭ jena skemo: 1. Vortareto, 2. Esperanto-teksto, 3. Interparolado (demandoj en Esperanto), 4. Gramatiko, 5. Traduko (frazoj tradukendaj el la angla lingvo). En la sekvantaj lecionoj 21—57 anstataŭ reguloj pri gramatiko kaj vortfarado estas pritraktataj „Radikoj“. Tie la aŭtorino klarigas anglajn radikojn, komparante ilin kun Esperantaj radikoj kaj je la fino ŝi regule donas malgrandan tabelon, en kiu ŝi komparas la samajn radikojn en aliaj 4 lingvoj: latina, franca, hispana, germana. La demandoj en la rubrikoj III kaj V. tute ne volas elĉerpi la materialon, sed volas esti nur sugestoj, laŭ kiuj instruisto, kiu uzos la libron, memstare faru siajn demandojn.

N-ro II enhavas la rakonton de Guy de Maupassant, „La Parure“. Ĝi celas la ĝeneralan lingvo-studadon por „High Schools“ kaj „Colleges“; ĝi volas servi aŭ kiel bazo por posta lingva verkado en angla, latina, romana (franca aŭ hispana), germana lingvoj, aŭ kiel kurso kunordigenda al tio, kio jam estas lernita en unu el la nomitaj lingvoj. Ankaŭ

ĉi tie la aŭtorino elektis por la tekstoj la Esperanto-lingvon, ĉar ĝi pli bone taŭgas ol la gepatra lingvo por la koncernaj studantoj, kiuj devas lerni pritrakti lingvon tute objektive.

Ĉi tiu libro enhavas 50 lecionojn. En ili la lecionoj 1—25 enhavas la gramatikon kaj vortfaradon de Esperanto en sia plej simpla formo, kaj, se la nombro de lecionoj ne sufiĉas por pli longdaŭra studado, oni povas fini ĝin per la 25-a leciono, kiu enhavas sugestojn por ripetado („review"). La lecionoj 1—25 estas verkitaj laŭ la skemo: 1. „Vortareto", de leciono al leciono regule alternantaj kun „Radikoj"; 2. Traduko (Esperanto-teksto alterne kun angla teksto); 3. Gramatiko; 4. Vortformado; la sekvantaj lecionoj enhavas alterne 3 partojn (1. Vortareto, 2. Traduko, 3. Vortformado) aŭ 2 partojn (1. Radikoj, 2. Traduko).

Kaj la rubrikoj „Radikoj" kaj la rubrikoj „Vortformado" enhavas komparajn studojn aŭ tabelojn rilate la latinan, anglan, francan, hispanan, germanan, esperantan lingvojn kun klarigoj en angla lingvo.

*

En ambaŭ libroj „General Language Course" — kaj en n-ro I kaj en n-ro II — la vorttrezoro estas elektita kaj kolektita laŭ certaj sciencaj principoj. N-ro I enhavas 893 radikojn. El ili estas komunaj 195 al la latina, franca, angla, germana lingvoj, 160 al la latina, angla, franca, 139 al la angla, franca, germana. La radikoj, kiuj aperas nur en unu lingvo, estas tre malofta̧j (28 nur latinaj, 23 nur germanaj, 26 nur anglaj, 54 nur francaj). N-ro II enhavas entute 2563 vortojn, reprezentatajn per 564 radikoj. El ili 341, do 70%, apartenas samtempe al 3 de la 4 lingvoj: latina, franca, angla, germana; 167 estas komunaj al ĉiuj 4 de la nomitaj lingvoj. La aŭtorino uzis por sia laboro la vortlistojn de scienculoj, de Thorndike (angla lingvo), Henmon (franca), Buchanan (hispana), Kaeding (germana).

*

Mi esprimu kelkajn ĝeneralajn ideojn pri la du libroj. Ilia plej ĉefa valoro konsistas en tio, ke ili prezentas tute novan eksperimenton de kompara lingvostudado. Ĝi estas nova jam pro tio, ke ĝi enkondukas tiun studadon en lernejoj de pli alta grado — nova minimume por Eŭropo; mi ne konas similajn librojn en nia kontinento. Kaj precipe nova pro tio, ke ĝi bazigas sian laboron sur Esperanto, ties gramatiko kaj vortfarado, kaj sur la bazo de kontinuaj Esperantotekstoj (kiuj cetere estas interesaj por la lernantoj jam rilate sian enhavon). Sendube instruo laŭ tia metodo estas multe pli interesa por lernantoj de diversaj lingvoj, ol instruo, kiu limigas sin nur al unu fremda lingvo. Kompreneble ĝi postulas multon de la instruisto. Mi tre dezirus, ke niaj kolegoj, kiuj instruas Esperanton aŭ alian lingvon krom la gepatra, konatiĝu kun ĉi tiuj libroj, por ricevi instigojn kaj sugestojn.

La tuta verko montras, ke la aŭtorino estas bona pedagogo. Tion jam montras la modele simpla kaj klara maniero, en kiu ŝi per la angla lingvo klarigas la Esperanto-gramatikon.

La diverslingva materialo, necesa por ebligi komparojn, estas riĉa kaj elektita tre celkonscie. Helen S. Eaton ankaŭ ĉi tie ne celas kompletecon, ĉar ŝi ja volas, ke la lernantoj mem kompletigu la materialon, post kiam ili ricevis la necesajn sugestojn. Do, ŝi tre bone atentas la principon, ke la lernantoj devas partopreni la laboron de la instruisto kiel memstaraj kunlaborantoj. Kaj ŝi estas tre prava, elektinte Esperanton kiel bazon por la kompara laboro, ĉar ĝi fakte estas tute „objektiva" lingvo instiganta al objektiva pripensado. Mi ne dubas, ke, kvankam ŝi tute ne celas propagandi Esperanton en la komuna senco de l' vorto per siaj objektivaj laboroj, ŝiaj libroj tre bone taŭgas, veki

la intereson de la lernantoj por nia mondhelplingvo kaj instigi al plua laboro en, per kaj por ĝi. Cetere tia lingvokomparo tre bone taŭgos, por montri la vojon al internacia pensado. Tio — jam pro la tuta enhavo de la rakonto — precipe valoros pri n-ro I. Ke la rakonto de ĉi tiu libro estas iomete fantazia kaj ĥimera, tio ja faras ĝin tre taŭga por la lernantoj. Instruisto, kiu samtempe instruas Esperanton kaj geografion, tre bone povus uzi ĝin, por fari „vojaĝon ĉirkaŭ la teron“ kun siaj gelernantoj, dum kiu ili samtempe komprenos ion pri la porpaca ideo. Do, mi rekomendas la du librojn ne nur al ĉiuj instruistoj kaj kursestroj, kiuj interesiĝas pri kompara lingvo-studado, sed ankaŭ — kaj precipe n-ron I — al kolegoj, kiuj nesufiĉe komprenas la anglan lingvon, ĉar ili ĉiukaze profitos ion por si mem kaj por la instruado de Esperanto.

Al kritiko rilate lingvajn detalojn mi rezignu ĉi tie, ĉar ĝi fakte rilatas nur bagatelojn — la aŭtorino disponas pri sufiĉe bona kono de nia lingvo. Kompreneble oni povus ordigi la gramatikan materialon alimaniere, ol ŝi faris tion. Eble kelkfoje dum la instruo de Esperanto ŝi ne agas laŭ la principo: de la pli facila regulo al la pli malfacila. Sed tio okazas nur pro tio, ke ŝi uzis tekstojn tradukitajn el la angla kaj franca lingvoj. Se oni volus atenti tiun principon tute severe, oni devus verki originalan Esperanto-tekston, kiu ebligus doni la regulojn de la esperantaj gramatiko kaj vortfarado gradigitaj laŭ la nomita principo. — La libroj turnas sin al jam iomete „poliglotaj“ lernantoj. Mi konsilus tute principe uzi en tiaj libroj la gramatikajn fakesprimojn (ekz. diri por „participo estonta“: participo de l' futuro ktp.), ĉar ĉi tiuj fakesprimoj estas internaciaj kaj mem apartenas al la kompara lingvostudado.

Mian laŭdon por la du libroj mi povas resumi per la frazo: mi esperas, ke la angla aŭtorino daŭrigos siajn laborojn kaj ke ŝi trovos francajn, germanajn, hispanajn gekolegojn, kiuj faros similajn lernolibro-eksperimentojn.

Mi finu per ĝenerala vorto pri IALA. La libroj aperis sub la aŭspicioj de IALA. Laŭprograme ĝi faras objektivajn kaj neŭtralajn esplorojn sciencajn pri la mondhelplingvoj. La libroj de Helen S. Eaton pruvas, ke la esploroj estas faritaj en ĝusta maniero. Oni ne povas juĝi pri iu ajn — nacia aŭ artefarita — lingvo, nur supraĵe konante ĝian gramatikan sistemon. Oni devas lerni kaj praktike uzi ĝin, antaŭ ol oni povas juĝi pri ĝi objektive. Ni ĝoju, ke jam kelkaj reprezentantoj de IALA, inter ili s-ino Morris, tre bone konas, parolas kaj praktike uzas Esperanton. Kaj ni povas ĝoji, ke Helen S. Eaton, kiel kunlaborantino de IALA, tiel diligente studadis kaj praktike uzadas nian lingvon. Mi gratulas ŝin tutkore! D-ro Dietterle.

E. Lanti, *La langue internationale.* (La lingvo internacia.) 2-e édition. Paris, Fédération espérantiste ouvrière, 177, Rue de Bagnolet. 1930. Paĝoj 77, Prezo 3.50 franc. fr. Franclingve.

La libreto enhavas la plej gravan pri la nuna stato de la mondhelplingva problemo solvita per Esperanto. Ĝi montras ĝian lokon en la ĝenerala lingvoevoluo. Ĉar la broŝuro estas verkita por laboristoj, ĝi ĉiam atentas la marksismon. Certe ĝi helpos disvastigi Esperanton en tiaj rondoj. Bone varbas bildoj de konataj personoj kun iliaj paroloj pri mondhelplingvo. R. W.

G. Gladstone Salomon, *Esperanto por infanoj.* Eldonita 1930 de The Esperanto Publishing Company, Limited, kaj havebla ĉe The British Esperanto Association, 142, High Holborn, London, W. C. 1, Anglujo. Paĝoj 69. Prezo 1 ŝ. 6 p.

Tiu esperanta legolibro por infanoj vere estas infaneca. Ĝi enhavas 26 unuaŭ dupaĝajn ĉapitrojn, kiuj kune estas tuto, ĉar la aŭtoro rakontas nur pri familio „Muso“. La 3 musidoj vizitas la

lernejon. Tie estas okazo pritrakti gramatikon. Johano, petola musido, ĉiam denove faras alloga la legadon, tial certe ankaŭ tiuj ĉapitroj interesas la infanojn. 15 paĝoj enhavas bildojn, kiuj klarigas novajn esprimojn. Verŝajne la simplaj bildoj instigu la infanojn, ke ili mem desegnas, ŝatas desegni, ĉar en la fino de la libro troviĝas krom demandoj por ĉiu ĉapitro (laŭdinde estas, ke nur malmultaj!) ĉiam la ordono: Desegnu! Entute: rekomendinda libro!

Kelkaj kritikoj: La bildoj kelkfoje ne estas sufiĉe klaraj. En tia libro malgraŭ infaneco la bildo devas esti karakteriza, alie ĝi nur malutilas. Nur unu ekzemplo: vulpo kaj lupo! (p. 59) — Kial oni donas la nomojn de verbformoj, precipe „supozo“, „infinitivo“? Ili ne gravas! — Kial diri al infanoj: „ci“? Ekz. al germanaj infanoj tiu vorto nur malutilas! — Sur paĝoj 36, 52 „li“ estas anstataŭenda per „ĝi“, sur p. 57, 58 „al“ per „la“.

R. W.

**Esperanto - Lernolibro por popollernejoj.** Laŭ rekta metodo verkita de Arthur Degen laŭ komisio de la Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj. Unua parto: 1-a kaj 2-a lernjaro. Kun bildoj de Ernst Kutzer. Eldonis: Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako. Paĝoj 67. Prezo 2.— germ. markojn.

Lernolibro, kiu meritas atenton de ĉiu Esperanto-instruisto, ĉar ĝi estas la plej bona el la ĝis nun aperintaj por germanaj popollernejoj. La eldonejo garantias bonan eksteraĵon, Ernst Kutzer klarajn kaj infanecajn bildojn. Preskaŭ ĉiu paĝo de la teksto-parto portas bildon, multaj estas koloraj. Tiajn bildojn infanoj vere kun intereso rigardos, ĉar ili montras vivan situacion, ekz.: infanoj aĉetas en la banano-budo, la instruisto eniras la ĉambron kaj Kurto ĵus finis ŝercan bildon de kamarado k. a., mi ne volas rakonti ĉion, bonvolu mem kontroli. Unuavice la bildoj estas rakontaj bildoj, ne demonstraciaj: ne multegaj ciferoj en la bildoj forrabas la emon ilin rigardi; infanoj certe ne rigardas kun granda intereso ciferojn, kiuj kaŝas la bildon. Denove oni devas konstati, ke limigo estas la plej favora kaj plej efika rimedo en ĉiu demonstracio. Modelaj la bildoj, sed modela ankaŭ la tuta enhavo de la teksto-parto (36 paĝoj). Ne ekzistas gramatikaj ĉapitroj, ankaŭ ne laŭgramatika ordigo, tiu parto rakontas el la vivo de la infanoj, ĝi ne nur rakontas kiel lernolibro, ne, ĝi vere estas la vivo de niaj infanoj, — se la instruisto atentas la antaŭparolon de la aŭtoro, alie tiu vivo devas morti. Tiu vivo dormas en la libro, kaj ĝi volas vekiĝi, sed nur per viviga situacio, ne per lerneja pritraktado, t. s. ke la vivo ne aperas per tio, ke la infanoj tralegaĉas paĝon post paĝo. Tiun danĝeron kunportas ĉiu lernolibro, kaj estus nur treege bedaŭrinde, se la infaneca vivo dormanta en tiu nova lernolibro devus morti eĉ nur en unu okazo. Kio estas tiu vivo?

Estas dialogoj, ludoj kaj kantoj, ŝercoj kaj dancoj, kaj el la 36 malgrandaj ĉapitroj de la libro pli ol 20 estas tiaj. Denove pripensu: tiu vivo ne elkreskas, se viaj infanoj silente kaj orde sidas en la benkoj kaj rigardas (aŭ ne) la nigrajn literojn. Tial: Ne komencu per la libro mem, sed parolu kun viaj lernantoj laŭ la ekzemploj de la libro! Tion volas kaj intencas tiu bonega libro. Parolu kaj kantu kaj ludu kaj poste, nur poste legu en la libro!

Kial mi skribas tiajn admonajn vortojn? Mi, kiu laŭdis kaj tre rekomendas tiun lernolibron, mi estas kontraŭulo de lernolibro por rekta metodo. Do sekvu nun kelkaj mallongaj paroloj (notoj), kiuj volas helpi por nova eldono. La dua parto (por lerneja praktiko) valoras por la instruisto, en tiu lernolibro ĝi nur plialtigas la prezon de la libro kaj malhelpas ĝian disvastigon. Sufiĉas, se la instruisto havas tiun parton. Pripensinde estas por la unua parto ankoraŭ, ĉu ĝi ne estus pli efika en unuopaj folioj. Certe tio ne pli kostus ol la bindita libro.

Pritraktinda restas ankaŭ la demando, kiumaniere akiri internacian kaj tamen infanecan Esperanton. Ŝajnas, ke tiu libro estas tradukita el la germana lingvo, kiel ĝin parolas la infanoj. Ĝi ja ankaŭ komencas per esperantiĝinta germana vorttrezoro. Ĉu oni devas komenci kun nacia Esperanto? Ĉu alia komenco ne estas ebla aŭ eĉ ne dezirinda? Sed la porpraktika parto enhavu nur plene modelan Esperanton, ne germanan.

Fine: Instruistoj, aĉetu tiun lernolibron, tralegu vi atente ĝin kaj alproprigu al vi ĝian vivan volon, kaj ne uzu tiun gvidilon en infanlandon kiel komfortan ilon, kiu povas anstataŭi instruistan laboron, ĉar tia ilo la plej multaj lernolibroj ankoraŭ estas. Do ne detruu la vojon en esperantan infanlandon, sed venu kaj kunhelpu al tiu grava laboro! R. W.

C. Collodi (pseŭdonimo de Carlo Lorenzini) P i n o k j o. Tradukis el la itala originalo Mirza Marchesi. Ilustris W. H. Matthews. Redaktis kaj preson aranĝis L. N. Newell. London 1930. The Esperanto Publishing Company. IX kaj 150 pĝ. Broŝ. 3 ŝ. 6 p.; bind. 5 ŝ., afranko 4 p.

Tiu trafa porjunulara verko estas eldonita unue 1881 en itala gazeto. Ekzistas jam nombraj tradukoj. Vendiĝis pli ol unu miliono kaj duono da ekzempleroj. Tiu verko estas komparebla al Robinsono. Pinokjo estas robinsono ne de mano, s d de koro. Ne povas ekzisti geknaboj, kiuj ne amas Pinokjon, la senprudentan kaj bonkoran knabon. Senbrida fantazio, realeco, simpleco estas preferoj de tiu bela verko por junularo de ĉiu aĝo. La Esperanto-traduko estas modela, escepte la uzon de la pronomo „ĝi“ anstataŭ „tio“. Strangaj estas la frazoj: „Li trovis . . . tablon . . . kun sure kandelo“ (pĝ. 135) kaj „Li sukcesus ekvidi . . . boateton kun interne unu vireto“ (pĝ. 73). Ne estas rekomendinte, inter prepozicio kaj substantivo meti adverbon. Ĉu la pluralo ĉe „oni“ estas naciismo: „Oni restas ĉiam la samaj azenoj“?

E. Lanti, N a c i i s m o. Studo pri deveno, evoluado kaj sekvoj. Leipzig 1930. Sennacieca Asocio Tutmonda. 124 pĝ. germ. rmk. 1.30. La fama aŭtoro skribas: „La patriotismo estas nuntempe la plej potenca ideologio; ĝi pasiege superregas la spiritojn kaj kapablas fari el pacemaj, bonkoraj homoj batalemajn kaj sangavidajn bestojn. La dekkvin milionoj da buĉitoj el la lasta mondmilito ne sufiĉis por satigi la monstron. La naciismo daŭre minacas la homaron.“ Sur sociologia bazo la aŭtoro pritraktas la sociformojn klano, potlaĥo, kunfrataro, familio, gento, fratrio, tribo, civito, la roman imperion kaj la modernan naciismon. Lanti konkludas: „Dum malaperis ĉe multaj personoj la kredo je dio, dum malfortiĝis la influo de la diversaj eklezioj en la politika vivo de l' popoloj, tiam pligrandiĝis la influo de l' nacia religio.“ (La formoj „aliel“ kaj „aliu“ estas makuloj en la tre bela Esperanto de la aŭtoro.)

Erich Maria Remarque, E n o k c i d e n t o n e n i o n o v a. El germana lingvo tradukita de kvar (nome: Teo Jung, Jos. Berger, Hans Ellinger kaj W. Hoffmann). Köln 1929. Heroldo de Esperanto. 252 pĝ. Broŝ. germ. rmk. 5.—, bind. germ. rmk. 7.—.

Kial valoras tiu verko al la homaro pli ol la primilitaj verkoj de ĉiuj generalstaboj? Ĝi estas voĉo homara, elvokanta la barbarecon de la mondmilito; multaj primilitaj verkoj estas nur voĉoj de nacioj. Ĝi estas tradukita en dekojn da lingvoj. Ĝia Esperantigo estas riska afero; ĉar neniu iam ajn diris kaj diros tiajn Esperantovortojn, kiujn la tradukintoj devis formi.

Theodor Storm, L a b l a n k ĉ e v a l a r a j d a n t o. V i o l o t r i k o l o r a. Tradukitaj el la germana lingvo de Heino Heitmüller. 158 pĝ. Broŝ. germ. rmk. 2.40, bind. 4.—. Storm vortpentras delikatajn batalojn en animo de homoj, kiuj vivadas meze de burĝa komforto (en Viola trikolora, t. e. duonpatrino).

# Tabelo de la abonantoj de Internacia Pedagogia Revuo.

| Lando | 1930 | 1929 | 1928 | 1927 | 1926 | 1925 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Argentina | 1 | 1 | 1 | — | 1 | 1 |
| Aŭstra | 16 | 11 | 18 | 6 | 3 | 1 |
| Belga | 3 | 2 | 4 | 2 | 7 | 6 |
| Brazila | 2 | — | — | — | — | — |
| Brita | 30 | 12 | 15 | 8 | 11 | — |
| Bulgara | 16 | 10 | 20 | 16 | 9 | 10 |
| Ĉeĥoslovaka | 53 | 68 | 68 | 50 | 33 | 28 |
| Ĉilia | 1 | — | — | — | — | — |
| Ĉina | 2 | 3 | — | — | 1 | 3 |
| Dana | 2 | 8 | 6 | 4 | 2 | 1 |
| Egipta | 5 | — | — | — | — | — |
| Estona | 12 | 7 | 5 | 7 | 5 | 12 |
| Finnlanda | 8 | 8 | 5 | 3 | 2 | 2 |
| Franca | 8 | 8 | 10 | 11 | 15 | 28 |
| Greka | 7 | 2 | 1 | 1 | 1 | — |
| Hispana | 1 | 5 | 5 | 4 | — | — |
| Hungara | 4 | 3 | 7 | 1 | 6 | 4 |
| Itala | 1 | 1 | 1 | — | 2 | 5 |
| Japana | 6 | 8 | 7 | 7 | 6 | 4 |
| Java | 1 | 1 | 3 | 1 | 1 | — |
| Jugoslava | 9 | 11 | 6 | 5 | 3 | 2 |
| Kanada | 1 | — | — | 1 | 1 | 3 |
| Latva | 13 | 8 | 7 | 3 | 2 | 1 |
| Litova | 4 | 8 | 6 | 8 | 4 | 6 |
| Nederlanda | 21 | 7 | 14 | 6 | — | — |
| Ned. Hinda | 3 | — | — | — | — | — |
| Norvega | 1 | — | — | — | 1 | 1 |
| Novzelanda | 2 | 2 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Palestina | — | — | — | — | 1 | 1 |
| Peru-a | 1 | — | — | — | — | — |
| Pola | 28 | 24 | 15 | 10 | 9 | 11 |
| Portugala | 1 | 2 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Rumana | 1 | 3 | 1 | — | — | — |
| Rusa | 45 | 95 | 92 | 76 | 52 | 41 |
| Sveda | 44 | 31 | 46 | 13 | 3 | 2 |
| Svisa | 4 | 4 | 5 | 2 | 2 | 2 |
| Turka | 1 | 1 | — | — | — | — |
| USA-a | 6 | 6 | 5 | 1 | 1 | 2 |
| | 363 | 358 | 375 | 251 | 188 | 181 |
| Germana | 140 | 140 | 123 | 115 | 98 | 86 |
| Saksa | 380 | 380 | 302 | 264 | 225 | 240 |
| | 883 | 878 | 800 | 630 | 511 | 507 |

La granda perdo de Rusaj abonantoj estas kaŭzita de la Soveta malpermeso, sendi monon al eksterlando. Tre ĝojiga estas la sukceso en Britlando, Nederlando kaj Svedujo. Entute IPR estas reprezentata en 37 landoj!

K. Kröber, administranto.

---

**La venonta numero aperos la 1-an de marto.**

---

# Atentu!

Ĉiuj geabonantoj de IPR, kies adreso sur la koverto ne estas en ordo, estas petataj tuj informi la administranton, Kurt Hofmann, Riesa (Germ.), Felgenhauerstr. 63, por ke li povu ordigi la adresaron. Bonvolu skribi tre legeble, plejeble per skribmaŝino aŭ per blokaj literoj!

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.